# La Bulteneto

Numero 44 Jaro 2019

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO






# Albrecht Dürer

# Kustodo de sia propra verkaro

**Ekspozicio en Albertina ĝis la 6a de januaro 2020**

**Arnulf Rainer: Ekspozicio en Albertina ĝis la 19a de januaro 2020**

## Julia Isbrücker-Jaro 2020
## Invito al kunlaboro





# La Bulteneto

Numero 44 • Jaro 2019

Redaktejo - eldonejo - presejo:
Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio.
esperanto@chello.at.

Tekstoj: Renate kaj Walter Klag

Papero: Mondi Color Copy 120 g $m^{-2}$.
Unverkäufliche, private Ausgabe - Nevendebla, privata eldono

Sur la unua paĝo:
Albrecht Dürer: Kampara leporo - Feldhase, 1502
Aquarell und Deckfarben, Pinsel, mit Deckweiß erhöht
Akvarelo kun kovrantaj farboj, peniko, akcentita per kovranta blanka farbo.




# Albrecht Dürer
# Kustodo de sia propra verkaro

**Ekspozicio en Albertina ĝis la 6a de januaro 2020**



Certe vi konas la faman leporon, kiun Dürer pentris en la jaro 1502. Eble vi ne rimarkis, ke en ties dekstra okulo videblas fenestra kruco. Certe la leporo ne sidis trankvile dum longa tempo en ĉambro. Dürer volis trompi la okulon de la rigardanto kaj havis humuron.

La elstarulo

Dürer vivis en revolucia tempo: Kolumbo remalkovris Amerikon 1492; Luther reformis la religion; Gutenberg inventis la libropresadon; Koperniko asertis, ke la tero moviĝas ĉirkaŭ la suno; publika poŝta servo eblis en la tuta Germana Regno; inventiĝis nova skribo: La Frakturo.

Ne simpla metiisto, sed granda artisto estis Dürer. Detale li observis ĉion: Homojn, bestojn, plantojn, konstruaĵojn. Same detale li pentris aŭ gravuris ĉion. Unu el liaj plej ŝatataj objektoj estis li mem. Sur unu el liaj memportretoj oni povas vidi ĉiun unuopan haron. Li estis modofetiĉisto, dando, belulo, ŝatis impresan frizaĵon. Liaj pentraĵoj estas ege realismaj, kiel la fama leporo.

Dürer estas la plej elstara artisto kaj la plej konata simbolo en sia tempo – la renesanco. Dürer mem parolis pri „la revekiĝo" de la arto, ankaŭ pere de sia propra verkaro.

## Dürer kaj Albertina

Tiu verkaro – 100 pentraĵoj, 300 plej altkvalitaj presgrafikaĵoj kaj 1000 desegnaĵoj – estas vere unika. Krome unike estas, ke Dürer mem kustodis siajn artaĵojn. Tial, post la morto de Dürer, la nuremberga ekonomiisto Willibald Imhoff povis transpreni ordigitan materialon. Tiu venis en la kolekton de la germana imperiestro Rudolfo la Dua (1552-1612) kaj poste 1796 pro la iniciato de la hercogo Albert de Saksio-Teŝeno al Vieno. Albert estas fondinto de la imperiestra kolekto Albertina en Vieno.

## Oro kaj kupro

Dürer venis el oraĵista familio. Tiam Nürnberg estis unu el la centroj de la oraĵista arto. Ankaŭ Dürer eklernis tiun metion, sed baldaŭ transiris al la pentroarto. Sed la rilato de Dürer al oro restis: Ofte li dezajnis ornamajn objektojn kaj pompajn bokalojn. Kiam li migris tra Nederlando, li notis en sia taglibro la adresojn de multaj oraĵistoj.

## Artista komenco ĉe la Supra Rejno

Post la metilernado sekvis migrado kiel submajstro. Dum tiu periodo estiĝis la unuaj desegnaĵoj. La lignogravuraĵoj en la plej fama libro de tiu epoko „Narrenschiff” (frenezula ŝipo) de Sebastian Brant 1494 eventuale fariĝis de Dürer.

## Fondado de metia laborejo

Je la fino de la migradotempo 1494 Dürer memstariĝis ekonomie kaj fondis laborejon, kiun parte financis lia edzino. Baldaŭ sekvis artaj verkoj kun la fama simbolo AD.

Dürer kreis 30 kuprogravuraĵojn kaj samkvante lignogravuraĵojn. Ne temis pri komisioj, sed pri verkoj por anonima merkato por interesigi estontajn

aĉetantojn kaj montri altan artan kvaliton. Sekve baldaŭ la kolektado de presgrafikaĵoj iĝis populara.

La homa korpo, bestoj kaj plantoj

En la 1490aj jaroj Dürer okupiĝis pri la homa korpo kaj ties proporcioj. Uzante malgrandan spegulon, li studis sian propran korpon. Influis lin verkoj el la antikva periodo. Detale li studis kaj pentris plantojn, ekzemple violan bukedon, akvilegion kaj kelidonion. Mondfamaj iĝis „Granda Peco de Herbejo”, „Kampa Leporo” kaj „Flugilo de Koracio”. Dürer diris: „Vere la arto troviĝas en la naturo. Kiu ĝin povas elŝiri, tiu posedas ĝin.“ La natur-studoj de Dürer montras lian teknikan virtuozecon kaj la limojn de tio, kio estas farebla per peniko kaj plumo. Per tiaj kreaĵoj Dürer povis montri kaj pruvi sian talenton.

La ampleksa ekspozicio en Albertina montras ĝis la 6a de januaro 2020 ĉirkaŭ 200 verkojn de Dürer. Ekzistas ampleksa katalogo en la germana (34,90 €) kaj angla lingvoj (36,90 €).

Pliaj informoj: www.albertina.at kaj www.albertina.at/presse .

## Prononco kaj klarigoj

Innsbruck [insbruk], la ĉefurbo de Tirolo en Aŭstrio
Michael Wolgemut [míĥael vólgemut] (1434 aŭ 1437 Nürnberg - 1519 samloke).
Wolgemut estis pentristo kaj lignogravuristo, instruisto de Dürer
Willibald Imhoff [vílibald imhof], (Nürnberg 1519 – 1580 samloke)
akvilegio: germane Akelei
kelidonio: germane Schöllkraut
koracio: germane Blauracke
Tizian [tícian]: *ĉirkaŭ 1489 en Pieve di Cadore [kadore], †1576 en Venecio
Giorgione [ĝorĝone]: *1478 en Castelfranco Veneto [kastelfranko véneto]; †1510 en Venecio
Palma il Vecchio [vékio]: *1480 en Serina Alta apud Bergamo [bérgamo]; †1528 en Venecio
Giovanni Bellini [ĝovani belini]: *ĉirkaŭ 1437 en Venecio; †1516 samloke



Albrecht Dürer
Anbetung der Könige, 1504
Adorado de la reĝoj
Öl auf Holz
Oleo sur lino
Florenz, Gallerie degli Uffizi

# Biografieto

| | |
|---|---|
| 1471 | Albrecht Dürer naskiĝas kiel filo de la samnoma oraĵisto en Nürnberg. Li estis la 3a el 18 infanoj |
| 1486-1489 | Pentrista edukado en la metiejo de Michael Wolgemut |
| 1490-1494 | Migrado kiel submajstro en la regiono de Supra Rejno, verŝajne al Kolmaro, Strasburgo kaj Bazelo |
| 1494 | Dürer edzinigas Agnes Frey |
| 1496 | Dürer konstruas laborejon por altkvalitaj presgrafikaj produktoj. Unuaj komisioj por portretoj, interalie de princo Frederiko la Tria de Saksio |
| 1498 | Eldono de la lignogravuraĵa ciklo „Apokalipso”. |
| 1500 | Dürer studas la proporciojn de plantoj kaj bestoj |
| 1505-1507 | Vojaĝo al Venecio, kie vivis la plej konataj renesancaj pentristoj de la venecia skolo: Tizian, Giorgione, Palma il Vecchio. Giovanni Bellini estas por Dürer „la plej bona en la pentrado“ (en la tiama germana: „pest in gemell“). Komisio por la Rozaria Festo. Dürer iĝas renoma artisto. |
| 1508-1511 | Komisio por diversaj gravaj pentraĵoj |
| 1512-1519 | Laboraĵoj por imperiestro Maksimiliano la Unua, de kiu Dürer ricevas dumvivan apanaĝon – 100 guldenoj jare |
| 1513-1514 | La „Majstraj Gravuraĵoj” kreiĝis |
| 1520-1521 | Vojaĝo tra Nederlando. Kontaktoj kun multaj nobeloj, kiuj mendis verkojn de Dürer |
| 1522-1528 | Publicado de la teoria verko „Unterweisung der Messung, Befestigungslehre und Proportionslehre“ (Instrukcio por Mezurado, Fortikigado de Urboj, kaj Proporcioj). La instrulibro por pentrado restas nekompleta |
| 1528 | Dürer mortas en Nürnberg pro inanicio. Lia tombo en Johano-tombejo estas jam delonge malplena, tamen pilgrimejo por fanoj de Dürer |




Albrecht Dürer
Bildnis eines Afrikaners, 1508
Portreto de afrikano
Schwarze Kreide – Nigra kreto



Albrecht Dürer
Selbstbildnis als Dreizehnjähriger, 1484
Memportreto kiel 13jarulo
Silberstift – Arĝenta krajono
© Albertina, Wien



Albrecht Dürer
Innsbruck von Norden, um 1495 - Innsbruck el la nordo
Aquarell, Spuren von Deckfarben, mit Deckweiß gehöht
Akvarelo kun iometo da kovrantaj farboj,
akcentita per kovranta blanka farbo.




Albrecht Dürer: Michael Wolgemut, 1516.

Ekspozicio en Dürer-domo en Nürnberg:
https://museen.nuernberg.de/duererhaus/kalender-details/michael-wohlgemut-1674/
20a de decembro 2019 ĝis la 22a de marto 2020

# Arnulf Rainer

## Ekspozicio en Albertina ĝis la 19a de januaro 2020
## Okaze de lia 90jariĝo

Pliaj informoj: www.albertina.at kaj www.albertina.at/presse.



Arnulf Rainer: Zentralisation - Centrigo, 1951
Albertina, Wien. Sammlung Essl © Arnulf Rainer



Arnulf Rainer
Schranken - Bariloj, 1974-75
Albertina, Wien © Arnulf Rainer



Arnulf Rainer
Face Farces: Farbstreifen – Farbstrioj, 1972
Albertina, Wien © Arnulf Rainer

# Julia Isbrücker-Jaro 2020
# Invito al kunlaboro

2020 estos la 100a datreveno de la 12a UK en Hago (1920). Julia Isbrücker (kun-)organizis ĝin. La realigo de tiu kongreso pruvas, ke ankaŭ granda milito ne povas neniigi nian lingvon. Julia (kun-)fondis Internacian Esperanto-Instituton kaj Universalan Ligon kaj (kun-)eldonis la metalajn Stelo-monerojn, kies nominalo estas unu, 5, 10 kaj 25 Steloj.

2020 mi planas eldoni arĝentan 50-Stelan moneron (simila al la Maria Theresia-Taler) por la honoro de Julia. Sur la 100-Stela monero 2018 aperis viro (René de Saussure), sur la 50-Stela aperu ino.




Mi jam kolektas materialon pri Julia. Ekzemple oni povas tiun materialon uzi por vikipedia artikolo. La ekzistanta artikolo ĵus tradukiĝis en la persan.

La kolektita materialo aperos kaj en la formo de vikipediaj artikoloj en diversaj lingvoj kaj kiel broŝuro – kaj presita kaj en la formo de podofo.
Bonvolu sendi al mi tekstojn kaj fotojn de kaj pri Julia. En la fina eldonaĵo via nomo estos menciita.

Salutas el Vieno Walter Klag, esperanto@chello.at.



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730   💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**